# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 20/09/2014 Cent okdek tria eldono 20/09/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn



# TRI JARA

**La Novaĵletero « La Aŭstraliaj Esperantistoj » naskiĝis 20/09/2011**

## Dankon al miaj karaj kontribuantoj. Sen vi, AE ne povus ekzisti.

### Specialan Dankon al Nicole Else, Kontribuanto/Provleganto

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★








# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo









生日快乐！

# Feliĉan Naskiĝtagon al Nia Novaĵletero.

# Historio de la novaĵletero

### Kial la Novaĵletero ekiĝis.

Por helpi solvi la tiamajn (2011) problemojn inter la Esperantistoj tra Aŭstralio.

### Celoj

Unue Estas informilo por ĉiuj Esperantistoj tra Aŭstralio.
Due Krei esperantan familon tra Aŭstralio.
Trie Uzi ĉiujn leterojn kaj per tio montri diversajn flankojn de proponoj, kontraŭaĵoj.
Kvare Enmeti ligojn al la reto pri Esperantaj faktoj, novaĵoj kaj Esp.muziko.
Kvine Uzi bildojn, fotojn, prefere de/pri Aŭstralianoj, kiam oni sendas ilin al AE.
Sese Mi esperis ke homoj kaj kluboj informos pri siaj Esperantaj agoj, deziroj, esperoj, ktp.
Sepe Elsendi ĉiun semajnon por daŭre vivi.
Oke Mi ne celis anstataŭi la bonajn gazetojn kiujn oni produktas en Aŭstralio.

**Faktoj**

Plejparte la kluboj ne informas. Informo vidigas la klubojn. Ne informo malvidigas la klubon ekster ĝiaj anoj. Mi tute ne komprenas kial kluboj deziras esti nevideblaj. Pigreco?

**Ĉiuj Aŭstraliaj gazetoj havas problemojn de manko da kontribuantoj. KIAL?**

# Senpaga ESPERANTO POCKET TEXTBOOK

Individuoj povas mem kunmeti la ESPERANTO POCKET TEXTBOOK per komputiloj ĉe http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo Historio de la libreto estas ĉe AE 181











Ĉu vi mem kunmetis vian kopion de la libreto? http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## Esperanto Pocket Textbook estas Propagandilo

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton

Mirige ! Ĉu Ne ?

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## "Little Free Library"




Saluton Roger!

Ĉu vi konas la senprofitcelan organizon "Little Free Library"? www.littlefreelibrary.org. Ŝajnas ke ili havas biblioteketojn ankaŭ en Aŭstralio. Vi povus meti viajn libretojn pri Esperanta lernado en la skatolojn, kie ajn ili estas. Mi pripensas fari tion ĉi tie en **Usono**, almenaŭ en mia urbo.

Amike, Margo

★★★★★

Bona ideo, Multaj kopioj de la ESPERANTO POCKET TEXTBOOK estas haveblaj ĉe Esperanto Domo. Kiuj povos meti kopiojn en tiujn skatolojn de "Little Free Library" en Aŭstralio?. Ĉu vi havas pli bonan ideon? Amike Roger Springer

## 37. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Kombinaĵoj de vortoj. A.



En la komenco de nia lecionaro ni menciis, ke vortoj kaj esprimoj kombiniĝas en Propozicion, ekz. Subjekto, Verbo, kaj Objekto. Ĉi tiuj estas gramatikaj kombinaĵoj, ĉar la partoj de la Propozicio ne ŝanĝas la signifon de la aliaj partoj, sed havas specialajn funkciojn en la tuta bildo de la Propozicio (= sentence).

Ni nun rigardu, kiel en Esperanto kaj plej multaj etnaj lingvoj ekzistas du aliaj manieroj por kombini vortojn kaj esprimojn.

En la unua maniero ni kombinas du (aŭ pli) vortojn aŭ esprimojn kiuj ne difinas unu la alian, sed ili nek indikas specialan funkcion en Propozicio. Ili simple formas aritmetikan adicion. Proksiman lecionon ni donos plurspecajn ekzemplojn de ĉi tiu maniero de kombinado.

Marcel Leereveld.

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/ http://www.tikilive.com/show/esperantotv

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

**River Lights** **Sabato 11 Oktobro 14** Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger

# Hodiaŭ la laboro kun bretoj estas finita

16/9/14

Nun ili estas pretaj por la arkivoj. Dankon al Ian por helpo.

Amike

Dmitrij



Ian Wylles









KAJ nun? Kiu metos la librojn sur la bretojn? Roger



# Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 28an de septembro 11atm Estrara kunveno kaj diskuto pri kiel allogi estontajn anojn.

**Ĉiuj alvenantoj estos bonvenaj.** **Dimanĉa veturado** en Registaraj busoj, trajnoj kaj pramŝipoj por la uzantoj de la **KARTO OPAL** kostas entute **$2.50 por la tuta tago**. Do venu al la kunvenoj en Esperanto-domo.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La pasinta Skype estrarkunveno okazis jaŭdon, la 18-an de septembro, je la 17:00 (16:30)

## AEA estraro kaj la Angla lingvo

Karaj,
Ĉu la AEA estraro ne plu uzas Esperanton eĉ kiam iu renovigas sian membriĝon? Mi ĵus vidis konfirman leteron de membro kaj li skribas ke la letero estis nur en la angla, ke ne estis alia parto en Esperanto.
Amike, Nicole

# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj
Esperenble en la venontaj AE-oj



Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn
Leganto de AE



**Vortoj de "Lernu"** ŜTORMO

Forta perturbo de la atmosfero, ordinare akompanata de pluvego aŭ neĝo, responda al la gradoj 7-10 de la boforta skalo:
Komenciĝas tropikaj ŝtormoj.
Lia deklaro levis ŝtormon da protestoj.
Ni devas iri malgraŭ la ŝtorma vetero.
Eble ni restu sur la bordo, ĉar la maro ŝtormas.
Ni perdis la vojon pro komenciĝinta neĝoŝtormo. ★★★★★

Saluton Roger.
Mi petas, ke vi publikigu ĉi tiun inviton kiun ni esperantistoj ricevis de Sue Tully de la historia societo de Carisbrook, Viktorio.
La 25an de oktobro tiu societo oficiale malfermos sian "Tilly Aston Memorial Centre". Ili volonte agnoskas, ne nur tiun faman aŭstralianinon, sed ankaŭ la rolon de Esperanto en ŝia vivo. Tilly Aston, kiu partoprenis en la unua kongreso en 1911, estis viktoria blindulino, kiu uzis Esperanton por trovi informojn por helpi blindulojn.

koran dankon,
Hazel Green 20-Sep-14 04:47 PTM

